# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 13/09/2018 Tricentokdekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

*PMEGramatiko* *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro*

* *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 716,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **390,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **303,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **22,700** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 1 .



Ĉiuj animaloj uzas sistemon de signoj, per kiuj ili komunikas inter la membroj de sia speco, kaj ofte malsaman sistemon por interkomuniki kun aliaj specoj. Kutime ĉi lasta estas malpli komplika ol la unua. Ankaŭ la homoj havas siajn komunikilojn por uzi inter si. La plej vaste uzata sistemo konsistas el sonoj produktataj de la buŝo. La buŝo ja kapablas fari dekojn da malsamaj sonoj, kiuj aparte ne indikas ion ajn. Nun oni klasifikis la tridekon da malsamaj sonoj, nomas ilin literoj, kaj kreis skribatajn figuretojn por reprezenti ilin sur papero. Ĉiu lingvo havas dudekon ĝis tridekon da tiaj literoj, kaj nomas ilin la alfabeto. Dum la frua, tre frua, historio de la homaro la homoj kombinis milojn da grupetoj de sonoj, de literoj. La literkombinaĵoj nomiĝas vortoj, kaj estas kutime du ĝis dudek literojn longaj. Ĉiu vorto indikas iun malgrandan aspekton de la nin ĉirkaŭanta mondo, tiel ke ni nun povas indiki, per vortoj, ĉion en la mondo, kaj en ni. *Marcel Leereveld.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo






Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 15a de septembro estas la dua sabato. Bonaj kaj amikaj ĉeestantoj. Venu! *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo



Andrew Woods estas membro de la adelajda E-grupo ne tro longe, sed li havas talenton por lingvoj. Li sukcese trapasis la elementan ekzamenon de AEA kaj dum la septembra kluba kunveno Trevor transdonis al li la koncernan diplomon. Andrew krome prezentis al la ĉeestantoj prelegon pri la historio de fantomaj rakontoj.

Kun saluto, *Katja Steele*

Surfote: Andrew Woods kun sia diplomo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# 'pensi' kaj 'kredi'

sendis *Lochlann Niddrie*



Saluton Roĝero!

Mi sendas ĉi retmesaĝon al vi pri tre interesa retpaĝo kiun mi trovis por informi al esperantistoj pri kiel oni ĝuste uzas 'pensi' kaj 'kredi'. Mi opinias ke, se vi volus, vi povus meti tiun tre utilan artikolon en la Aŭstraliaj Esperantistoj. Ĉu ne?

https://www.quora.com/What-is-the-difference-between-kredi-and-pensi-in-Esperanto

"kredi" = "*to believe*" & "pensi" = "*to think*" La artikolo uzas Esperanton kaj la Anglan.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gazetaraj Komunikoj de UEA N-ro 755 2018-09-05

uea.org/aktuale/komunikoj/2018/UEA-alvokas-partopreni-en-EU-enketo-pri-multlingveco

**UEA INVITAS AL KUNFESTADO DE LA EŬROPA TAGO DE LINGVOJ**

Ekde 2001, la Konsilio de Eŭropo kaj ĝiaj 47 membroŝtatoj festas, la 26-an de septembro, la Eŭropan Tagon de Lingvoj, kies ĝeneralaj celoj estas:

Informi la ĝeneralan publikon pri la graveco de lingvolernado, subtene al multlingvismo

kaj interkultura interkompreniĝo;

Diskonigi, protekti kaj stimuli lingvan kaj kulturan diversecon en Eŭropo;

Kuraĝigi lingvolernadon dum la tuta vivo, en la lernejo kaj ekster ĝi, pro studkialoj, profesiaj bezonoj, moviĝaj celoj aŭ simple pro persona ĝuo.

UEA invitas esperantistojn, kaj aparte esperantistojn en Eŭropo, kunfesti la Eŭropan Tagon de Lingvoj per la jenaj paŝoj:

informiĝi pri ETL ĉe la retpaĝo de Konsilio de Eŭropo (edl.ecml.at/), kie troveblas detaloj en 38 lingvoj;

Okazigi eventon la 26-an de septembro;

Registri evento(j)n ĉe:
edl.ecml.at/Events/EventsDatabase/tabid/1772/ctl/Edit/mid/3439/Default.aspx

Aparte bonvenas eventoj kaj kontribuoj (kaj je individua kaj je organiza nivelo) kiuj enkadriĝas en la ĝeneralaj celoj de la iniciato: subteno al dumviva lingvolernado, al lingva kaj kultura diverseco kaj, pli ĝenerale, al interkultura interkompreniĝo kaj faciligo de la rilatoj inter diversaj popoloj, plene kongrue kun la celoj de UEA.

Gravas poste diskonigi la okazigitajn eventojn, tiel ke la diversaj iniciatoj povu esti inspiro kaj modelo por aliaj. La celo estas taŭga videbligo de Esperanto kiel ponto inter diversaj kulturoj kaj lingvoj, kaj de esperantistoj kiel kreemaj kaj profesinivelaj aktivuloj, aparte sentemaj pri plialtigo de interkultura interkompreniĝo.

Okaze de diskonigo de planoj kaj eventoj per Fejsbuko aŭ Tvitero, bv. uzi la kradvortojn #europatagodelingvoj, #ETL, #europeandayoflanguages, #EDL, #esperanto, #JourneeEuropeennedesLangues.

La Ĝenerala Sekretario kaj estrarano de UEA pri Landa Agado en Eŭropo, Aleks Kadar, disponeblas ricevi kaj komenti ideojn, proponojn, raportojn; bv. sendi ilin al alekska@gmail.com.

Krome, per tiu ĉi komuniko, UEA kaptas ankaŭ la ŝancon memorigi aparte al eŭropuniaj esperantistoj reagi al la publika konsultado pri lingvoj, lanĉita de la Eŭropa rajtprotektisto pri multlingva politiko en EU. Bonvolu informiĝi kaj orientiĝi pri la rekomenditaj respondoj, legante la jenan komunikon, dissenditan la 29-an de aŭgusto 2018:
uea.org/aktuale/komunikoj/2018/UEA-alvokas-partopreni-en-EU-enketo-pri-multlingveco.

Informiĝu, okazigu eventojn, kaj kunfestu la Eŭropan Tagon de Lingvoj!

Sendis al AE *Katja Steele*






# Maitland RiverLights Festival

Sabaton la 13an de Oktobro 2018.
publike dum 3-9ptm

Kie? "The Levy" High Street, Maitland (Hunter Line, duonhoro for de Newcastle per trajno)
https://www.maitlandriverlights.com.au/ amike, *Andrew Spannenberg*

Vicprezidanto de EFNSW kaj Sekretario de la Newcastle Esperanto Asocio.

Kontaktu je aspannenberg@iprimus.com.au aŭ 0422 015 430

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# El Adelajdo



Mi starigis mian ĝardenon jam antaŭ pli ol 10 jaroj.

Unu el la plantoj kiun mi ŝatas kaj unue plantis estas "*Agave Attenuata*". Ĝi bone kreskas kaj donis multajn 'idojn,' kiujn mi donis al najbaroj /amikoj ktp.

Foje oni diris al mi ke tiu *Agave Attenuata* donas florojn, sed mi ne kredis tion, ĉar neniu el la multaj plantoj faris tion.......ĝis ĉi-jare, do post 10 jaroj!

Mi eknotis ke en la centro de unu planto aperis 'tigo'. Estis dum Marto. Tiu 'tigo' kreskis dum pluraj monatoj kaj havis multajn burĝonetojn kiuj komencis ekflori ekde Junio.

Nun je la komenco de Septembro vi povas vidi kiom granda la 'flortigo' estas. La unuaj floretoj ( je mia maldekstra mano) jam mortis dum la burĝonoj ( je mia dekstra mano) ankoraŭ ne ekfloris!

Mi vere miris pri tiu Agave (kiu jam komencas morti post donado de tiu granda 'flortigo')! Vere estis interese por mi observi tiun planton. *Indrani Beharry-Lall*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★











★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La ĝardenoj de miaj najbaroj.



**KION MI PENSAS PRI VI.**

Se vi diras, kion vi pensas pri mi, via kritiko estas persona, ĉar vi respondas al mia invito, do ĉiuj scias ke estas Marcel Leereveld kiun vi kritikas.

Sed se mi diras kion mi pensas pri vi, mia kritiko ne estas persona, ĉar mia celato povus esti iu ajn el vi. Mi ja ne mencias vian nomon nek aliajn personajn informaĵojn. Mi do sekve diros kion mi pensas pri vi, sed mi ne nomos vin, nek diros kiun pozicion vi havas en Esperantujo.

## Jen miaj opinioj:

**SE VI FORGESAS KELKFOJE LA AKUZATIVON**, mi pensas ke vi estas aminda viro aŭ virino, kaj ke vi havas interesan karakteron. Mi krome pensas, ke vi ne trovas la gramatikon facila, sed ke vi penas ne fari erarojn, kaj ke vi ne kuraĝas serĉi helpon por pliboniĝi en la gramatiko.

**SE VI FARAS ERAROJN EN LA UZO DE LA PARTICIPOJ EN LA PASIVO**, mi pensas ke vi estas aminda viro aŭ virino, kaj ke vi havas interesan karakteron. Mi krome pensas ke vi ne bone komprenas la pasivan voĉon, kaj ke vi estas senkritika kaj blinda kredanto kiu akceptas kion la nesufiĉe kleraj aŭtoroj en Esperantujo erare uzas, sen ke vi volas kritike esplori ĉu ili diras la veron.

**SE VI UZAS "LA KIALO" ANSTATAŬ "LA TIALO",** mi pensas ke vi estas aminda viro aŭ virino kaj ke vi havas altiran karakteron. Mi krome pensas ke vi senkritike kaj blinde akceptas kion oni surtelerigas al vi, kaj ke vi ne estas sufiĉe kritikema, kaj ke vi eble trovas tro malfacila por vi kompreni malfacilajn ideojn. Mi krome pensas ke vi ne emas perfektiĝi en Esperanto, do ke vi kontentas nur babili en Esperanto.

**SE VI UZAS LA ADVERBON ANSTATAŬ LA ADJEKTIVON EN FRAZOJ KIAJ "ESTAS BONE/A KE LI VENIS"**, mi pensas ke vi estas aminda viro aŭ virino, kaj ke vi havas altiran karakteron. Mi krome pensas, ke vi ne profunde kapablas kompreni la aktivecon de niaj mensoj, kaj ke vi malamas peti al mi helpon pri tio kaj fidi miajn konsilojn. Vi krome pensas ke Zamenhof povis fari neniun eraron en Esperanto, kiel iu Dio.

**SE VI NE VOLAS AKCEPTI LA PREPOZICIAĴOJN "ANTE AL" KAJ "ATE DE" ĈAR ALIAJ PERSONOJ NE KURAĜAS UZI ILIN NEK KOMPRENI ILIN,** mi trovas vin aminda kaj belkaraktera, kaj mi pensas ke vi ne interesiĝas pri logiko kaj klareco en Esperanto.

**SE VI POR LA SINGULARO NE UZAS "CI" ANSTATAŬ "VI",** mi trovas vin normala kaj inteligenta. Sed se vi uzas "ci" mi trovas vin logikema, entreprenema, riskema, kaj kuraĝa.

**SE VI UZAS STREKETON INTERNE DE AGLUTINAJ KUNMETOJ,** mi trovas vin aminda sed infaneca.

**SE VI UZAS INTERNE DE GEOGRAFIAJ NOMOJ STREKETON AŬ ĈEFLITERON AŬ SPACON**, mi trovas vin aminda kaj belkaraktera kaj neinteligenta kaj ne Esperantema.

**SE VI NE UZAS LA SUFIKSON "-ATI" POR LA PASIVA VOĈO EN ESPERANTO**, mi trovas vin aminda kaj belkaraktera, kaj ankaŭ ne tro inteligenta kaj ke mankas ĉe vi lingvismaj komprenoj.

**SE VI UZAS LA MONSTRAN SUFIKSON "-I-" POR LANDOJ ANSTATAŬ LA ZAMENHOFA "-UJ-"**, mi eble trovas vin aminda kaj belkaraktera, kaj mi certe trovas vin obstina kaj malklera kaj ne havanta respekton por Esperanto kaj por Zamenhof kaj havanta neniom da sento por la bela karaktero de Esperanto.

**SE VI SEKVAS ĈIUJN MIAJN KONSILOJN**, mi trovas vin pli inteligenta ol mi estas, kaj havanta grandan klerecon en kaj amon por Esperanto.

Via servanto *Marcel Leereveld.*

## LA ĜARDENOJ DE MIAJ NAJBAROJ.

Mi havas ses rektajn najbarojn. La grundo de tri el ili neniam apartenis al mi, do mi tie nenion plantis, dum la duona jarcento de mia loĝado ĉi tie (sed mi enterigis mian mortintan ĉevalinon tie). Mi estus devinta mortigi la dekon da junaj pinarboj kiuj sovaĝe tie kreskis, ĉar nun ĉe unu najbaro kvino da ili kreskis grandege dum la pasintaj kvindek jaroj, kaj estas neutilaj kaj danĝeraj ĉe falo. Unu grandega jam komencis fali, en la direkto de miaj elektrodratoj, kaj la kompanio forhakis ĝin. Sed estas aliaj, proksimaj al mia domo kaj al la domo de la najbaro. La aliaj tri najbaroj posedas parcelojn kiuj antaŭ tridek jaroj apartenis al mi kaj al mia edzino. Mi plantis sur tiuj parceloj kelkajn arbojn, sed ne multajn ĉar la tereno uzatis de la ĉevalo de nia filino. En unu mi sukcesis planti cedron, kiu nun estas grandega. Mi tie plantis ankaŭ arbobarilon de kratagoj (*hawthorns*), kaj unu fagon, unu grandfolifigon (*Moreton Bay fig, Ficus Macrophylla*), kaj unu malgrandan cedron, kaj sur ilia vojrando unu florpirarbon, unu kverkon, kaj plurajn flavajn bambuojn. Ili ĉiuj ankoraŭ vivas tie, ĉar ĉe la domkonstruado oni ne bezonis forhaki arbojn. La alia najbaro plu havas angoforon (*apple-myrtle*), kaj sur ilia vojrando kverkon, bambuojn, kaj florpirarbojn de mi tie plantitajn, ĉar unu eŭkalipto, kiun kiam juna la ĉevalo ne formanĝis, kvankam penis, devis forhakati antaŭ kelkaj jaroj kiam ĝi splitiĝis en du grandajn trunkojn, falpovajn sur ilian domon. Tiu najbaro forhakis ankaŭ sufiĉe grandan cedron, kaj mi ne scias kial. Kaj en la lasta najbara parcelo restis la kelkaj arboj de mi plantitaj kaj nun sufiĉe altaj. Ili estas unu (manĝeble) flavfrukta kratago el Meksikio, unu itala alno (*alder*, *Alnus Cordata*), kaj unu citroneŭkalipto. Tiu najbaro estas aĉetinta la parcelon pro la granda bela daktilpalmo kreskanta sur la limo inter ilia kaj mia parceloj, kaj kiun daktilarbon mi sukcesis en 1966 transplanti el la ĝardeno kie ni loĝis antaŭe.

*M. L.*

## PARTICIPOJ. ĈU VI MEMORAS ?

**(se vi ne memoras, vi restas analfabeto en Esperanto; do relernu!)** :

| | **Preterito** (= *Simple Past Tense*) | **Daŭra tempo** (= *Continuous Past Tense*) |
|---|---|---|
| Aktiva: | La viro BATIS la hundon. | La viro ESTIS BATANTA la hundon. |
| Pasiva: | La hundo BATATIS. | La hundo ESTIS BATATA. |
| | (= kompleta ago per unu vorto) | (= unua parto de ago) . |

**POR NE ESTI ANALFABETO, MEMORU ANKAŬ LA JENON:**

| | **Prezenco** (= *Simple Present Tense*) | **Daŭra Tempo** (= *Continuous Present Tense*) |
|---|---|---|
| Aktiva: | La viro BATAS la hundon. | La viro ESTAS BATANTA la hundon. |

Pasiva: La hundo BATATAS. La hundo ESTAS BATATA.

(= kompleta ago per unu vorto). (= unua parto de ago).

(= *The man hits* + *The dog is hit (again to-day)*.). (= The dog is in the process of being hit).

*M. L.*

**LINGVOJ EN LA EŬROPA UNIO.**

Krom pluraj argumentoj por pruvi la validon de Esperanto, en antaŭa A. E. mi montris argumenton, kiun mi ne antaŭe renkontis. Ĉu samideano Fettes ricevis ĝin? Kaj ĉu li trovis ĝin valora por la propagando de Esperanto?

Nun Fettes proponas, ke ni donu niajn ideojn pri la argumentoj havigitaj de U.E.A. , sed ĉeestas kelkaj problemoj.

**Unue** la EUa rajtprotektisto (*ombudsman*) invitas por ideoj nur ŝtatanojn de la landoj de la E. U. Do li ne akceptas ideojn de Aŭstralianoj kaj teorie, sed nur teorie, publikigi la artikolon estis senvalora. Ni nur povas oferi al eŭropaj Esperantistoj uzi niajn ideojn por argumenti.

**Due** U.E.A. jam fiksis kvin argumentojn, kaj evidente deziras proponetojn por plibonigi tiujn kvin. U.E.A. neniam petis ideojn por kromaj argumentoj. Mi do povas ĵeti mian argumenton en la rubujon.

**Trie** estas verŝajna, ke eĉ U.E.A. , estante internacia organizaĵo, ne povas partopreni en la kolekto de ideoj por la Rajtprotektisto. Tiukaze ĝi povas, utile, nur doni siajn proponojn al la eŭropaj membroj kaj instigi ilin doni siajn proponetojn al la Rajtprotektisto. Kaj inter tiuj U.E.A. povos uzi proponetojn ankaŭ de aŭstralianoj, kvankam ne novajn argumentojn kia la mia.

Mi petas Katja doni siajn konsilojn pri miaj ĉi supraj problemetoj, kaj kiel mia argumento povos uzati, se ŝi volas. Ŝi sendube legis ĝin en A. E.: ĝi argumentas ke la oficiala uzo de la angla lingvo (kaj ne de Esperanto) kaŭzis ke multaj, se ne la plej multaj, eŭropanoj malamikiĝis al la ideo de eŭropa unio pro tio ke ili trovas pli malfacila ol homoj facile lernantaj lingvojn, trovi la bonajn ekonomiajn kaj sociajn postenojn en sia lando.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# “Malgrava historieto pri mia vivo” Bob Felby

## Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Kvina ero



Mi restis verŝajne pli ol unu jaron en la kotonŝpinejo. La laboristaro konsistis el homoj el preskaŭ la tuta mondo. Unu el ili estis egipto, kiu iam laboris kiel “gastlaboristo” en Danlando. Li bonege parolis la danan, kaj en la komenco li helpis min. Estis ankaŭ iu turko, bonega islamano, kaj kelkaj germanoj, unu hispano kaj multaj italoj, grekoj kaj angloj, eĉ kelkaj jugoslavoj kaj rusoj. Montriĝis ke ili ĉiuj estas bonegaj homoj.

Subite decidiĝis, ke la nokta skipo ne plu bezonatas. Multaj maldungatis kaj la restintaj devis labori dum la tago. Nu tio ne estas bona. Labori dum la tago signifas, ke oni devas dumnokte dormi, kaj ne eliri al la urbo, fakte fari nenion.

*Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★